# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VIII N.° 5 (89) MAYO, 1956

## BARCELONA, CIUDAD CONGRESAL

Nuestro próximo congreso, el XVII en la serie que, después de la reanudación de la vida esperantista española, resulta ininterrumpida, está llamado a tener una importancia muy destacada para la evolución del Esperanto en España.

Esa importancia se deduce de varias circunstancias. La primera la constituye el momento evolutivo del problema lingüístico en el mundo, en el que el Esperanto aparece, cada vez con mayor claridad, como su única solución.

La segunda no es mas que el hecho de que se celebre dicho congreso en Barcelona. La ciudad de los condes es, por derecho propio, como la capital del esperantismo español. Por haber arraigado, desde los primeros años, el idioma auxiliar, con mayor fuerza que en otras partes. Por haber contado, desde entonces, con numerosas y valiosas figuras, que destacaron en el campo del esperantismo, honrando así al Esperanto y a Cataluña. Por haber acudido al Esperanto, con mayor densidad que en otras regiones españolas, el que, hasta hoy, aparece como el más fuerte núcleo de esperantistas de la Península.

Y no en pequeña parte, por ser Barcelona lo que es: La indiscutible capital industrial de España. La más fuerte plaza comercial de la Península. Un centro turístico de primera fuerza. Un bellísimo rincón de España. Una ciudad majestuosa, limpia, elegante, panorámica, atractiva y simpática. Un relicario de recuerdos históricos. Una colmena del saber y, por encima de todo, un foco inagotable del que irradia la fuerte simpatía de la personalidad catalana.

Toda esa fuerza atractiva de la capital de Cataluña es la que ha puesto en valor el Comité Organizador del XVII Congreso Español de Esperanto, con un programa tan halagüeño, que difícilmente habrá esperantista español que no

# 17-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Barcelono, 24 - 29 de Julio, 1956**

**Adreso de la Organiza Komitato: Str. Teruel 26 - 28, Barcelona (8)**

Ya se ha conseguido la rebaja en los ferrocarriles, como en años anteriores. Las tarjetas para dicha rebaja serán remitidas a todos cuantos se hayan adherido y a los que se adhieran de ahora en adelante.

Volvemos a recordar que para que puedan reservarse habitaciones en los hoteles, es necesario hacer los encargos rápidamente, pues a partir de la primavera es cada vez más difícil conseguir alojamiento, a causa de la aglomeración turística de todos los años.

Ya están editadas las tarjetas postales del Congreso, a cinco colores, muy llamativas, que están a la venta al precio de una peseta el ejemplar. Utilizando estas tarjetas se hace una buena propaganda del Congreso, por tanto confiamos en que todo el mundo las adquirirá.

El programa definitivo del Congreso se hará público en el Boletín del próximo mes de Junio.

*EL COMITÉ ORGANIZADOR.*

---

# EL XXVI CONGRESO DE IKUE EN ZARAGOZA

Como se ha consignado en nuestro «Boletín», el 26º Congreso Internacional de Esperantistas Católicos tendrá lugar en Zaragoza, del 20 al 24 de Julio, fechas que se adaptaron a la posibilidad de asistencia al XVII Congreso de HEF en Barcelona, que, como se sabe, comenzará el 25 de Julio.

Quienes puedan asistir a este congreso tendrán la oportunidad de encontrarse en un ambiente esperantista internacional, esto es, en una atmósfera absolutamente esperantista, de la que formarán parte relevantes personalidades que acudirán de Francia, Italia, Bélgica, Holanda y Alemania.

A las múltiples atracciones que presenta el ambiente esperantista de Zaragoza, cuyo alto nivel conocen bien cuantos tuvieron la dicha de asistir al XV Congreso de HEF, hay que añadir el atractivo, desde hace años ajeno a nuestro país, de tener un congreso internacional esperantista en España. Y pocas ciudades podían albergarle tan dignamente como Zaragoza, centro espiritual y nido de tan fervorosos esperantistas, como todos saben y estiman.

Los esperantistas españoles que puedan, deben prestar todo su calor a este congreso, para que los asistentes extranjeros puedan encontrarse en la mayor y más acogedora «rondo familia», y puedan llevarse un buen recuerdo de sus colegas españoles.

El Secretario de la Comisión Organizadora, Don A. Pedro Marqueta Roy, Avenida de Valencia 32, Zaragoza, nos anuncia que tiene a la venta unas tarjetas postales con bellas vistas de la ciudad (6 diferentes), con texto en Esperanto, al precio de 1,50 pesetas cada una y sobres filatélicos a 0,70 pesetas, más gastos de envío.

---

quiera gozar de él integramente. Si la vida, en lo que tiene de agradable, es una sucesión de gratos recuerdos, el Congreso de Barcelona será, sin duda, la circunstancia feliz qne motivará toda una serie de gratas emociones, difíciles de olvidar.

Por lo tanto, todo buen esperantista español debe prepararse para asistir al congreso de Barcelona, no solo porque debe contribuir a su mayor esplendor y eficacia, sino porque, con su asistencia, logrará disfrutar, amplia y profundamente, de inolvidables emociones.

# BARCELONO, GRAFA URBO

Tiu-ĉi urbo, kuŝanta sur klinita ebenaĵo inter du riveroj, Besós kaj Llobregat, estas ankaŭ ĉirkaŭita de la montoj Montjuich kaj Tibidabo, al kiuj ĝi grandparte ŝuldas bonan kaj dolĉan veteron. Krom tio, la konstanta kisado de la Mediteranea maro mildigas pli kaj pli ĝian klimaton, kies tradician famon konas la tuta mondo.

La romanoj laŭŝajne nomis la unuan cititan monton, Mons Jovis, honore al la dio Jove aŭ Jupitero. Poste ĝi ricevis tiun de Mons Judaicus, pro la eltrovo de juda tombejo ĉe la flanko de la monto. Tial Montjuich signifas Juda Monto.

Tibidabo estas latina vorto kunmetita de pronomo *tibi*, signifanta *al ci*, kaj *dabo*, estonta tempo *donos*, tio estas, «mi donos al ci». Tibidabo estas grandioza belvedero, el kiu oni ĝuas ĉarman vidaĵon de Barcelono kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj.

Neniu estus kredinta, ke tiu Barcelono, antikve sidinta sur la sensignifa duoninsulo *Taber*, povus atingi la hodiaŭan amplekson kaj samtempe oferi al la ĝenerala konsidero tian grandegan kosmopolitecon. Barcelono havas 1.402.000 loĝantojn proksimume.

Pri la historia deveno de ĝia nomo, oni tuj konstatas ke la opinioj ne tute konkordas. Kiel konate, la kartaga generalo Amilcar Barca fondis Barcelonon, sed la modernaj historiistoj preskaŭ neas tion. Aliparte oni scias ankaŭ, ke la grekoj nomis ĝin Barkinon, poste Barcino. La romanoj, Pia Faventia kaj Julia Aŭgusta. La gotoj, Barcinona; la araboj, Barschaluna.




Kiam la francoj, post longa kaj terura batalado, konkeris parton de Katalunujo, aldonis ĝin al Francujo, sub la nomo *Hispana Marko*, kaj elektis Barcelonon kiel ĉefurbon. La franca reĝo regis la teritorion pere de diversaj dependaj grafoj. Unu el la plej gravaj estis Wifredo la Vila, kiu estris la grafландon, kiel sendependa grafo de Barcelono. Li konstruigis la du romanikajn monakejojn *Ripoll* kaj *Montserrat*, kiuj estas veraj juveloj arkitekturaj de nia lando. Oni devas speciale mencii la grafojn Berenguer I-a, II-a kaj III-a kiel elstarajn portintojn de la politika gloro en Katalunujo. En la jaro 1068, Ramono Berenguer I-a, «La maljuna», aperigis katalunlingve la verkon «Códig dels Usatges», kodo aŭ kolekto de leĝoj, kiu eksterordinare famigis lin. Tiu kodo ankoraŭ hodiaŭ konsistigas la juran fundamenton de l' Juro-Tribunaloj de nia regiono, fakto kiu per si mem evidentigas ĝian altmeritan kaj praktikan utilecon.

Okaze de la alveno de Colón al Barcelono, post la malkovro de Ameriko (1493), nia grafa urbo estis la scenejo de tia glora okazintaĵo. La Katolikaj Reĝoj persone akceptis kaj regalis lin en la historia Salono Tinell. En la jaro 1888 denove nia urbo estis la sidejo de la Universala Ekspozicio, organizita de la memorinda urbestro Rius y Taulet, dank' al kiu la urbo aliformiĝis plene. Tiu eksterordinara evento pruvis la grandan kapablecon kaj aktivecon de la kataluna popolo.

En 1929 alia Internacia Ekspozicio kaŭzis ĝojon kaj admiron al hispanoj kaj eksterlandanoj, ne nur pro la surprizaj industriaj kaj komercaj eblecoj de la urbo, sed ankaŭ pro la rava kaj genia ludo de akvo kaj lumo, mirakla kreaĵo en la fontanoj de la kataluna inĝeniero Bohigas.

Barcelono estas sendube la unua komerca kaj industria urbo de Hispanujo. Plie ĝi

al la paĝo 287

# NOVAJ LIBROJ

**TARTARIN DE TARASKONO,** de Alfonso Daudet. Traduko de Jean Delor kaj Paul Le Brun. 192 paĝoj 13,5 x 19 cm. — Ilustraĵoj de Lucien Guezennec. Eldonis «Heroldo de Esperanto», Harstenhoekweg 223, Scheveningen, Nederlando. Prezo: guldenoj 6,60 plus sendkostoj.

La fama romano de Alfonso Daudet riĉiĝas nun la «Heroldo»-eldonliston per esperanta traduko de la ĵus forpasinta franca lingvisto Jean Delor kaj Paul Le Brun.

La famkonata Tartarin, bonanima, fanfarona, naiva kaj revema, karikaturigis siatempe la provencalan tipon, kaj eĉ la francan, laŭ la diraĵo: «En Francujo ĉiuj estas iomete el Taraskono». Multe pluvis de tiam, kaj la karakteroj ŝanĝiĝis, fare de la tempo, la okazintaĵoj kaj la vivmaniero. Tamen, ĉiam restas iom de la pasinto, kaj en Provenco, la riĉa, sunoplena, vivogaja kaj vigla sudfranca regiono, ĉiam restos multe de la Tartarina etoso, kies seriozan kaj romantikan flankon kantis la poeto Mistral, kaj kies festajn kaj komikajn aspektojn majstre priskribis Daudet. Ni dubas ĉu la giganta poeto kontribuis pli ol la verva novelisto al la disvastigo de la provenca etoso tra la mondo.

Tralegante la korektan kaj senmakulan esperantan tradukon de Tartarin, ni ĝuis denove la samajn plezurojn kiujn ni ĝuis legante dum nia junaĝo la francan originalon.

La tradukintoj, ĉe longa postlibra listo, prezentas la klarigon de ne kutimaj kaj ne oficialaj vortoj, per kia rimedo ili evitas neologismojn kaj konfuzigojn, gajnante tiel la dankemon de la legantaro kaj... de la lingvo.

La traduko estas bona, kaj la originala stilo ne perdas aromon. Eble, pro tiu lasta celo la tradukintoj troigis la obeon al la originala konstruo, en kelkaj frazoj. Ekzemple: paĝ. 59, lin. 10: «Unuj ili eltiris lin de la aliaj» (Kelkaj forprenis lin de la aliaj); paĝ. 66, lin. 21: «Kiom ajn» (Dum); paĝ. 74, lin. 2: «por la unua fojo» (unuafoje); paĝ. 132, lin. 6: «bela muezino». Estus pli konvene traduki la fonetikon, *muezeno*, anstataŭ la grafikon, por eviti la «inan» miskomprenon. Pro la sama kialo, estus preferinde traduki *Tartaren'*, anstataŭ «Tartarin», celante la plejan similigon al la originala franca prononcado. Tamen, kiel supre dirite, la traduko estas tre bona, kaj sen neologismaj balastoj.

La prezentado estas luksa. Bela bindaĵo, bonkvalita papero, zorgoplena presado. Vera juvelo por niaj bretoj. Altvalora akiraĵo por la esperanta literaturo.

*D-ro Rafael Herrero.*

**KIU NE KONAS LA PROVINCON DE RAGUSA, NE KONAS SICILION.**

Diverskolora mapo kun teksto en Esperanto. Kredeble pro manko de la tiom diskutitaj ĉapelitaj literoj en la presejo, la supersignoj de la teksto estis poste aldonitaj permane, kio aspektas tre malbele. Ĉu ne estus preferinde en tiaj okazoj ne uzi la cirkumfleksojn? Tamen, la bildoj de la mapo estas tre belaj, samkiel la poŝtkartoj kaj glumarkoj kun Esperanta teksto aperintaj pro la laboroj de la Sicilia Delegacio de Itala Esperanto-Federacio.

Senpage haveblaj ĉe: Ente Provinciale del Turismo, Piazza Libertá, RAGUSA, Sicilia, Italio.—*J. J. F.*

**WIEDENBRÜCK.** Jen bela germanlingva faldprospekto, kun aldono en Esperanto, pri la 1.000-jara germana urbo situanta ĉe la rivero Ems, en Vestfalio. Havebla ĉe: Stadtisches Verkehrsamt, *Wiedenbrück i. Westf.*, Germanio.

---



Ni publikigas portreton de la bedaŭrinde forpasinta samideano DOMINGO ESCAPA ESCARDIVOL, pri kies morto ni informis en nia lasta bulteno. Ni devas aldoni, ke li estis estrarano de la Esperanta Sekcio de la Kooperativo «La Sabadellense» kaj pro lia fervora laboremo kaj granda simpatio, li atingis la altan estimon de ĉiuj, kiuj konis lin. La Morto indulgas neniun; eĉ ne la plej bonajn!

# ĈU JAM KRIAS LA KOKO?

Ne estas necese serĉi vortojn de laŭdo pri la lerta plumo de la fama kaj renoma aŭtoro, instruisto kaj redaktoro Ferenc Szilágyi. Lia riĉa stilo fluas senpene kaj nature; lia lingvo kvazaŭ intence evitas eksperimentajn transkapiĝojn kaj kapricaĵojn kaj tenas sin fidinde sur la tereno de niaj klasikuloj. En tio estas videbla la granda sperto, kiun la aŭtoro akiris en la multjara intima kontakto de Esperanta instruisto kun la verdlingva popolo. La bildoj de la rakontado bunte alternas, ĉenante ĉiam freŝe la intereson de la leganto.

Kiel agrable legiĝas la noveloj kaj epizodoj de la serena humoro, kia estas *Nila*, la aminda rakontado pri knabineto, *La sekreto de la banko*, ridiga satiro pri la praktikoj de la et-kapitalistoj, kaj la tuta dua parto, *Facila vento*, kun gajaj priesperantaĵoj, precipe tiu pri la Luĉia-festo en Svedlando.

Tamen preskaŭ duonon de la libro-teksto okupas rakontoj de tute alia tempo, de la morna atmosfero milita. Mi konfesas, ke ili multe pli trudiĝas al la animo kaj koro, ol tiuj facilventaj. Eble mi estos jam longe forgesinta la amuzaĵon pri la sveda ministro Tage, sed dum jaroj restos fikse en mia memoro la korŝira sceno, en kiu la knabeca blonda junulo staras —nenion komprenante— antaŭ la ekzekuta soldata trupo (*La perdita velo*); aŭ la naturscience detala priskribado de la senhaŭtiĝo de salamandro, kies mensa malkvieto, turmentoj manke de akvo kaj fine konvulsia morto estas kuliso, tra kies fendoj ni kortuŝate vidas la tragikan sorton de ĝia mastrino Maria.

La titola novelo *Koko krias jam!* vekis en mi rememorojn pri la iniciatinto de la Ruĝa Kruco, Henriko Dunant, kian mi ekkonis eble antaŭ dek jaroj en franca filmo, kies titolon mi jam forgesis: la drastaj batalscenoj, la lazareta atmosfero de la preĝejo en Castiglione, la superhomaj penoj kaj persisto de Dunant, la bankrotiĝo de lia privata vivo, dum la semita nobla ideo ekĝermis kaj diskreskadis... El tiu ĉi longa biografio la aŭtoro elektis parteton kaj koncentris la rimedojn de sia arto al unu punkto, por elvoki la momenton de la Granda Decidiĝo. Tamen ŝajnas al mi, ke tie ĉi lia plumo iom ekŝanceliĝis: la biblia paralelo pri la fidela disĉiplo, kiu en malforta momento perfidis, ne ŝajnas esti konvinka. Sed mi jesas, ke la titolo de la novelo, prenita el teksto de antikva kanto kaj samtempe el la konata evangelia sceno, estas tre elvokiva.

Kaj nun permesu, ke ekparolu simpla homido, unu el la amaso. Nia generacio travivis jam du terurajn militojn. La tria, eĉ pli terura, ne estas neeblaĵo. Milito...! En la noveloj de la aŭtoro ĝi ne estas konflikto de ideologioj, de pravo kaj malpravo, de brutala atako kaj rajta, heroa sindefendo. Ĝi estas io kvazaŭ ŝtorma uragano de blindaj elementaj fortoj, kiuj tanke ruliĝas tra la landoj, kaj pistas, frakasas, detruas, masakras, dum la senhelpaj popoloj panike agitiĝas, kaj pereas en amara morto.

La aŭtoro rajtas rigardi la aferon per siaj okuloj, ascendi super la interesoj de la luktantaj partioj kaj montri al ni la vizaĝon de la turmentatoj. Sed se la afero estas nur tia, ĉu ne estas kompreneble, ke ni, la simpluloj, evitas elvokadi el la forgeso la turmentajn travivaĵojn, kiuj premas nian spiriton al la tero? Ke ni inter la du erupcioj rifuĝas al nia kara... paco? Ĉu vi kredas, ke la fakto, ke la mondo estas plena de la milittemaj literaturaĵoj, filmoj, radioprogramoj, atestas la emon konsumi ilin? Ne estas tiel.

La suma impreso de tiu ĉi bonega libro estas deprima; ĝi pensigas pri la neeviteblaĵo, konsciigas al ni kaj metas antaŭ niaj okuloj turmentojn, kiaj «igas deturni la vizaĝon» (Jesaja, 53, 3), nokton, senesperan nokton... Jam krias la koko, diras la aŭtoro; sed kian tagon ĝi heroldas? Ĉu la tagon de liberiĝo kaj elsavo, aŭ —kiel en la Biblio— nur la tagon de krucumado?

Sed mi kredas, ke la legantoj de nia Esperanta publiko ne subiĝas plejparte al tiaj impresoj de la literaturo, ĉar ni —esperantistoj— kredas je fina homa prudentiĝo, kaj ni estas konvinkitaj, ke la koko, se ne hodiaŭ, morgaŭ anoncos jam la tagon de la sereniĝo. Tial mi deziras al la aŭtoro kaj al *Stafeto* merititan sukceson.—*Tomáŝ Pumpr.*

# REUNIONES ESPERANTISTAS A PARTIR DEL MES DE MAYO

*Mayo,* 13 al 18. 8.° Congreso Internacional de Ferroviarios Esperantistas, ESTOCOLMO, Suecia.

» 13. Asamblea General de los Católicos Esperantistas Holandeses, HARTOGENBOSCH, Holanda.

» 19 al 21. 4.° Congreso Esperantista del Benelux, GANTE, Bélgica.

» 19 al 21. 34° Congreso Alemán de Esperanto, HAMBURGO, Alemania.

» 19 al 21. 48° Congreso Francés de Esperanto, MARSELLA, Francia.

» 19 al 21. Reunión Internacional de Esperantistas de Austria. Italia y Yugoslavia, GRAZ, Austria.

» 19 al 21. Asamblea Anual de la Liga Central Esperantista Danesa, AALBORG, Dinamarca.

» 19 al 21. 50° Congreso Sueco de Esperanto, ESTOCOLMO, Suecia.

*Julio,* 15 al 15 Septiembre. Casa de la Cultura Esperantista, Castillo de GRESILLON, Francia.

» 20 al 24. 26° Congreso de la Unión Internacional Católica Esperantista, ZARAGOZA, España.

» 22 al 24. Conferencia Internacional de Estudiantes Esperantistas, LYON, Francia.

» 22 al 29. 2.° Curso Internacional de Esperanto y Geonismo, MUNCHENWILER, Suiza.

» 24 al 30. 29° Congreso de S. A. T., BELGRADO. Yugoslavia.

» 25 al 29. 17° Congreso Español de Esperanto, BARCELONA, España.

» 27 al 4 de Agosto. Congreso Internacional de Protestantes Esperantistas, JONKOPING, Suecia.

» 28 al 4 de Agosto. 12ª Asamblea Internacional de la Juventud Esperantista, BUSUM, Alemania.

» 28 al 4 de Agosto. Cursos Internacionales de Vacaciones de Verano, HELSINGOR, Dinamarca.

» 29 al 4 de Agosto. Semana Sueca de Verano, FROSTAVALLEN, Suecia.

» 29 al 19 » Vacaciones en el parador alpino de la Federación Italiana de Esperanto, CERESOLE REALE, Italia.

*Agosto,* 4 al 11. 41° Congreso Universal de Esperanto, COPENHAGUE, Dinamarca.

» 4 al 11. 26° Congreso Internacional de Ciegos Esperantistas, COPENHAGUE, Dinamarca.

» 11 al 17. Semana Cultural de la Asociación Laborista Esperantista Danesa, ODENSE, Dinamarca.

» 11 al 20. 4.ª Semana Internacional de Vacaciones Esperantista, KROMMENIE, Holanda.

» 12. Asamblea Anual de la Liga Noruega de Esperanto, OSLO, Noruega.

*Septiembre,* 1 al 5. 27° Congreso Nacional de Esperantistas Italianos, MASSA, Italia.

» 17 al 22. Semana Internacional Esperantista de Vacaciones para Ferroviarios, VIENA, Austria.

He aquí una multitud de reuniones a la disposición de todos los esperantistas. Cuantos se dispongan a disfrutar de sus próximas vacaciones, tienen numerosas ocasiones para ponerse en contacto con esperantistas de otros países y disfrutar del acogedor ambiente y bellos paisajes que se disfrutan en nuestras reuniones.

# HISPANA KRONIKO

*BARCELONA.* Ĉirkaŭ 5000 personoj vizitis la Ekspozicion de Infandesegnaĵoj en la Biblioteko de la Kaso de Pensioj (kvartalo Horta), organizitan de la Esperanto-Klubo de la Kooperativo «La Vanguardia Obrera». Dudek-tri landoj —kun 700 desegnoj— estis reprezentataj en la Ekspozicio, kiu atingis plenan sukceson. Eĉ en la lasta momento alvenis kontribuaĵoj kiuj ne povis esti prezentataj pro manko de loko, sed ili taŭgos por alia estonta prezentado. Multaj vizitantoj interesiĝis pri Esperanto, kio rezultis bona rikolto pri adeptoj al nia movado kaj lernantoj por niaj kursoj. La Ekspozicio daŭris de la 17-a ĝis la 19-a de Marto. S-ano D. Dalmau, Ĉefdelegito de U. E. A. en Hispanujo, paroladis en la inaŭguro al multenombra vizitantaro, kiu aŭskultis lin kun granda interesiĝo. Ĉi tiu sama Ekspozicio estos ree prezentata dum la 17-a Hispana Kongreso de Esperanto, kiu okazos en Barcelono en venonta Julio, kaj poste en aliaj urboj de la regiono. Ni ŝuldas ĉi tiun sukceson al la admirinda laboro de S-anoj J. Montfort kaj E. Pons, helpataj de aliaj fervoruloj, kiuj ebligis tiun imponan prezentadon al la ĝenerala publiko de Barcelono.

*ALICANTE.* Antaŭ la mikrofono de Radio Alicante, S-ano Rodolfo Canet estis intervjuata de redaktoro de tiu radio. En la intervjuo S-ano Canet respondis kelkajn demandojn pri nia lingvo, ĝia lernebleco, nacia kaj internacia movadoj, kongresoj, opinioj de gravaj personoj pri Esperanto ktp. S-ro Canet respondis tre trafe al ĉiuj demandoj pri la internacia lingvo.

*SABADELL.* En la bulteno de la Esperanta Sekcio de la Kooperativo «La Sabadellense» aperis sciigo pri F-ino Pepita Criach, kiu ĵus alvenis al Oslo, Norvegujo, post kelktaga restado en Francujo kaj Nederlando. En la Ŝparkaso de Sabadell okazos ekspozicio de infandesegnaĵoj ricevitaj el la tuta mondo. La 31/5 la Esperanta Sekcio de la Agrupación Excursionista Montnegre, de Barcelono, aranĝos fratfeston en la pitoreska loko San Mus (Rubí).

*BILBAO.* Jen la programo pri la 50-a datreveno de la fondiĝo de la Esperanto-Grupo. 20/5: Meso, inaŭguro kaj beno de la kluba standardo. vintrinko kaj ekskurso al Santurce. 24/5: Muzika kaj literatura vespero, dum kiu parolados samideanoj Teodoro Elizondo, Eugenio Lunate kaj Fernando Bayo pri la fondiĝo kaj la vivo de la Grupo dum 50 jaroj. Majstro Leoncio Muñoz pianlude kaj alia violone ludos kelkajn muzikajn komponajojn. La ĥoroj de la Blindula Organizaĵo, sub la gvido de S-ro Ayala regalos la ceestantojn per kelkaj kantoj. 26/5: Prelegoj pri la internacia lingvo Esperanto, fare de Patro Félix de Valois Arana, C. M. F., de Castro Urdiales; de S-ano Luis Hernandez, de Valencio kaj de S-ano Willy Oscar Schmalzriedt, de Altenstein, Wurttemberg, Germanujo. 27/5: Kunmanĝo en restoracio supre de la monto Archanda.

---

**el la paĝo 283**

posedas antikvan havenon, tra kiu senĉese efektiviĝas nacia kaj internacia interŝanĝo de pasaĝeroj kaj seninterrompa ŝarĝo kaj malŝarĝo de ĉiuspecaj varoj kaj produktoj. Ĝia aera trafiko estas same tre intensa kaj grava.

Belegan aspekton prezentas ĝiaj promenejoj, stratoj kaj placoj, tra kiuj svarmas ĉiuhore vigla kaj kreskanta movado. Precipe la avenuo Ramblas estas tipa arterio de la urbo, same kiel ĝiaj florvendejoj estas tre famaj. Ankaŭ la urbo posedas indajn konstruaĵojn kaj artismajn, diversstilajn monumentojn, kiuj altiras la atenton de multenombraj vizitantoj.

Tiujn vizitantojn ni ameme kaj senpacience atendas okaze de la venonta 17-a Hispana Kongreso de Esperanto. Ni fervore deziras kunveni en rondo familia por fari donacon de nia sincera gastameco kaj longedaŭra amikeco.

*Jaime Aragay,* **Barcelono**

Con motivo del reciente fallecimiento del glorioso General Moscardó, Conde del Alcázar de Toledo, debemos informar a nuestros lectores, pues quizá algunos de ellos lo ignoren, que el finado General demostró en diversas ocasiones su simpatía por el idioma internacional Esperanto, del que ensalzó sus cualidades y su utilidad, y le auguró un éxito rotundo en el futuro, cuando todos los pueblos se dén cuenta de su indefectible necesidad.

Ni plezure informas al ĉiuj interesuloj, ke nia elĉerpita provizo da esperantaj insignoj jam estas denove renovigata. Do ni povas liveri verdajn stelojn (neŭtralajn, kun blanka kruco —kristanajn—, kun butono kaj kun pinglo).

Prezo: 7 pesetoj. Mendu ĉe Libroservo de Hispana Esperanto-Federacio, Pelayo n.º 7, Valencia.

## RADIO ROMA

anoncas, ke ĝiaj esperantaj dissendoj okazas nun de 18,55 ĝis 19,10 (hispana tempo), per ondoj de 25,40 - 30,90 kaj 41,24 metroj ĉiun merkredon kaj vendredon. Aŭskultu ilin kaj nepre skribu al Radio Roma «Esperanto», Casella Postale 320, Roma, Italia.

## LA ORA JUBILEO

de Sveda Esperanto-Federacio okazos en Stokholmo 19-21 Majo 1956. Okaze de tiu jubileo la sveda federacio eldonos ***belan memorkarton,*** kiun ni ekspedos kun ***speciala poŝta stampo.*** La kosto estos 1 rp.

***Sveda Esperanto-Federacio, Tegelbacken, Stockholm, Svedujo.***

● Romkatolika pastro deziras korespondi kun katolikaj esperantistoj de Japanujo, Nederlando, Svedujo kaj Norvegujo. Adreso: Padre Valentín Soria, Jarandilla de Yuste, Cáceres, Hispanujo. Represo petata en la koncernaj landoj.

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Adreso de la Redakcio kaj Federacio
Str. Pelayo, 7, 1.ª
VALENCIA

Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 50 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 80 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 50 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

## DONACOJ AL NIA BULTENO

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo. | 1.322 | pesetoj |
| S. Martínez, Tabernes Valldigna | 10 | » |
| A. Marco, Zaragoza | 10 | » |
| J. Perarnau, Tarrasa | 20 | » |
| F. Barber, Ondara | 5 | » |
| J. Arroyo, Los Barreros-Cartagena | 5 | » |
| M. Salom, Valencia | 50 | » |
| Esperanto-rondeto, Burjasot | 5 | » |
| Baska Esp.-Rondo, San Sebastián | 20 | » |
| Entute. | 1.447 | pesetoj |

*Dankon kaj antaŭen!*

● Deziras korespondi pri ekskursoj kaj montaraj aferoj, kun eksterlandaj naturamikaj individuoj kaj grupoj, Centro Excursionista Fontinient, str. Reyes Católicos 42, Onteniente, Valencia, Hispanujo. Oni korespondas esperante, hispane, france kaj angle. Skribu multnombre.

● Germana samideano 52-jara, esperantisto depost sia 15-a vivjaro, intencas vojaĝi en monato Julio per motorciklo al Hispanujo. Antaŭvide li venos al Barcelona, Zaragoza, Madrid, Córdoba, Sevilla, Granada, Mallorca, Valencia kaj al lokoj troviĝantaj inter la nomitaj. Esperanto-grupoj kaj solaj esperantistoj, kiuj deziras ties viziton, bonvolu skribi al: S-ro Herbert Hofman, Augsburg 3, Schisslerstr. 15, Germanujo.

PERIS-G VÍA M. TURIA, 28 VALENCIA